


# GAŬĈA STELO



Informilo de Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 3 - Aprilo / 97



## Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto

Septembre de la 18ª ĝis la 21ª ĉi-jare, nia ŝtato prepariĝas por efektivigo de la nova Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto ( 9ª Subre).

La ideo realigi tiujn renkontiĝojn kaj ties konkretigo ĉe la suda regiono de Brazilo aperis dum 1980,unu jaro antaŭ la Universala Kongreso de Esperanto ĉe la ĉefurbo Brazilio, unuafoje okazinta en latino-ameriko.

Tiu gaŭĉa evento, kiu tiuepoke kalkulis je la apogo de tri sudaj ŝtatoj, estis efektivigata en Porto Alegre sub la aŭspicio de Brazila Konsilantaro de Esperanto, kaj havis la partoprenon de esperantistoj el diversaj urboj loĝantaj en Santa Catarina, Paraná, São Paulo, Rio de Janeiro kaj, kompreneble, el la amfitriona ŝtato. Urugvajo estis representata de la geedzoj Heliana kaj Inĝ. Alberto Barrocas, kaj Argentino de la karmemoraj S-ino Clara Hess kaj Pastro Bruno Ostropolski.

Ni sopire rememoras la meson tute en Esperanto celebrita en la preĝejo "Menino Deus" far la pastroj Pedro M. Urbaitis (litovano loĝinta en São Paulo) kaj Bruno Ostropolski, kun la belega Koruso, kiu kantis ekumene en Esperanto, dum la tuta tempo.

Kiel aldono al tiu unua Renkontiĝo, ni elstarigas, ke diversaj samideanoj de la Renkontiĝo kaj la urbestro de Rio Grande ĉeestis la inaŭguron de la Zamenhofa busto en la Universitata "Campus", cerimonio okazinta dank'al tiama prezidanto de ESRIG, D-ro Manoel T. Abreu.

Pri tiu pionira sudbrazila renkontiĝo ni kore dankas la raporton faritan de la batalema samideano Gilberto A Silva Velho, nelacigebla redaktoro de la altvalora Informilo "Esperanto Notícias".

# Lingva Ŝerloko



Karaj Watson-oj:
Legu atente la jenajn frazojn kaj klopodu korekti ilin. Ĉe la lasta paĝo de ĉi tiu Informilo vidu ĉu viaj korektoj estas korektaj :

1. Esperanto estas kreita por Ludoviko L. Zamenhof.
2. Estas vere majstra la traduko farita per Zamenhof.
3. Li parolis sesdek minutoj senhalte.
4. Laŭ ni scias Esperanto estas tre facila lingvo.
5. Eistein prezentis al la Akademio lian Relativecan Teorion.
6. La nomoj de leporo kaj de leono komenciĝas per L.
7. La 9ª SUBRE okaziĝos en Porto Alegre de la l8a ĝis la 21ª de Septembro ĉi-jare.
8. Johano daŭris sian laboron ĝis frumatene

# Simbolo de Subre

GEA-Komitato, kiu kunordigas la 9an SUBRE, preparas belajn ĉemizojn kun la simbolo de la sudbrazilaj renkontiĝoj.

La blanka simbolo de SUBRE, dekstre, kun steletoj reprezentantaj la kvar esperantaj asocioj : R.G.do Sul, Sankta Katarino, Paranao kaj San Paŭlo - estas propono de arkitekto **Ivo Sanguinetti**, kiu ankaŭ estas aŭtoro de la simboloj de GEA, ESPA kaj de Gaŭĉa Stelo.

## 9ª Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto

### Kategorioj / Kotizoj

| | | R$ |
|---|---|---|
| 1. | Ano efektiva de ŝtata asocio...... | 30,oo |
| 2. | Same (ĝis 21 jaraĝa) .................. | l5,oo |
| 3. | Ne ano de ŝtata asocio ............. | 40,oo |
| 4. | Familiano de ano Kat. 1 aŭ 2 .... | 15,oo |
| 5. | Familiano de ano Kat. 3 ............ | 20,oo |
| 6. | Infano ĝis la 12ª jaraĝo kaj | |
| 7. | eksterlandano........................ | senpage |

N.B.- *Kune kun la ALIĜILO sendu la kotizan valoron per persona ĉeko al S-ro Carlos Dionel Luiz Machado*
Cx.Postal n-ro 815 - CEP 90001-970.
Porto Alegre - RS

# Brazila Kongreso de Esperanto

Okazos ĉi-jare de la 12ª ĝis la 17ª de julio en la urbo Curitiba la 33ª BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO,kaj la 18ª Brazila Esperantista Junular-Kongreso.



## Nova Esperanto-Bulteno

Komemore al 35ª datreveno de Esperanto-Societo de Rio Grande, RS, okazinta je la 15a de decembro 1996, ESRIG preparis memorindan feston kie partoprenis reprezentanto de la najbara urbo Pelotas, S-ro Carlos Kunde Filho. Ĉe la oportuna okazo, prenis la parolon la prezidanto de ESRIG, S-ro Carlos Augusto Silvera kaj la sekretario, D-ro Manoel Torres de Abreu , kiuj parolis pri Zamenhof kaj menciis la altvaloran pentraĵon pri nia Majstro, oferdonitan far S-ino Maria F.Fonseca.

Ĉe la sama oportuno, ESRIG anoncis la naskiĝon de la informilo "Rio Grande Esperanto-Bulteno", kies ĉefa tasko estas informi pri la Esperanto-Movado en Rio Grande, krom informi pri tio en Brazilo kaj en la mondo.

Dezirante al nia plej nova frato daŭran kaj profitdonan laboron, ni restas ĉi-tie je ĝia kompleta dispono por kio ajn ĝi bezonos.

## Adresa Konfirmo

Ni ŝatus konfirmi pri la ricevo de nia modesta Informilo ĉe la esperanta komunumo. Se vi, kara leganto, deziras daŭre ricevi nian "Gaŭĉan Stelon"(senpage), bonvolu nepre skribi al nia adreso - Poŝtkesto 815, CEP 90001-970, Porto Alegre - RS - precipe por konfirmo de via ekzata adreso.

Ne forgesu : la ricevo de nia bulteno dependas de via konfirmo !

## Paŝtista Nigruleto

L.C. Barbosa Lessa
Esperantigis : Ivo Sanguinetti

Paŝtista Nigruleto
Mi bruligas kandelon por vi
kaj petas ke vi redonu
la kamparon, kiun perdis mi...

Paŝtista Nigruleto
Estas ĝi Dia trezor '.
Mi flamigas tiun kandeleton
En ĝi estas mia kor'.

Volas mi revidi kampojn
kolorplenajn je pitango,
kaj revidi gaŭĉineton
kun la ĝojo sur la vango.

Volas mi nur ĉevalrajdi
spirante liberecon,
kiun mi perdis en la urbo
kiam lasis la verecon.

Paŝtista Nigruleto
Mian landon portu al mi,
kandeleto jam bruliĝas
kaj varmiĝas Tradici'.

## Jaraliĝoj

Ankoraŭ estas tempo por la renovigo de la jaraliĝoj-97 :

1. UEA - .....................R$ 39,60 - Cat. MA
   Jarlibro + Rev..Esperanto
2. BEL - .......................... 40,oo Cat. SIB
3. GEA- .......................... 30,oo/ 20,oo
4. FONTO - .....................24,oo
5. ILEI - ...........................12,oo

# Gaŭĉaj Popoldiroj

Bongusta kiel kokosa dolĉaĵo de butiko malpurigita de muŝoj.
Grasa kiel hararo de mulato ĉe noktobalo.
Koviĝinta kiel buŝo de sendenta maljunulino.
Konfuzita kiel blindulo meze de pafado.
Lama kiel hundo sur la frosto.
Longa kiel Sankta Johana nokto.
Malalta kiel flugo de kovanta anasino.
Malbela kiel ŝuo de pastro.

# Lingva Ŝerloko

(Solvo el la dua paĝo)

1 ... estas kreita DE Ludoviko....
2 ... farita DE Zamenhof.
3 minutojN...
4 ... Laŭ mia sciO...
aŭ: Kiel mi scias...
5 ... SIAN anstataŭ lian...
6 ... Se vi korektis la frazon, via korekto, bedaŭrinde, estas malkorekta. Vi ne sekvis la konsilon de Ŝerloko: "Se la verŝajno ne okazas, serĉu ĉe la neverŝajno". La frazo estas tute en ordo, kvankam tio ne estis verŝajne al vi. Evidente, miaj karaj Watsonoj !
7 ... okazos en Porto Alegre...
8 ... Johano DAŬRIGIS...

# Argentinaj Eventoj

Ĉi jare, de la 9ª ĝis la 12ª de oktobro, okazos en Bonaero (Argentino) du gravaj eventoj:

51ª Argentina Kongreso de Esperanto
4ª Interlanda Konferenco pri Instruado

Pli detalajn informojn oni ricevos el la organizanto ĉe la jena adreso;

Asociación Buenos Aires de Esperanto,
Paraguay 2357 Dto 2
AR - 1121 Cap. Federal, Bs. As. - Argentina
(Tel. 961.4302).


# Gaŭĉa Stelo 

Informilo de Gaŭĉa Esperanto-Asocio
Poŝtkesto 815 - CEP 90001-970
Porto Alegre - RS - Brazilo
Trimonata senpaga bulteno
n-ro 3 - aprilo/1997
CGC/MF 01.545.097/0001-80
Redaktoro-ĵurnalisto : Ivo Sanguinetti
Prezidantino : Lucila D. Fernandes


# Merita omaĝo

Je la lasta 15a de marto meritan omaĝon ricevis de la gaŭĉaj samideanoj S-ro Dorval Pereira da Silva, kiu eksiĝis el la prezidanteco de Soc.Espírita Allan Kardec, en Porto Alegre, post 23 jaroj de profitdona agado.

Granda simpatianto de la esperanta kaŭzo, li estis respondeca por la starigo de Esperanta Departemento ( DESEAK ) kiu, ekde 1974 funkcias ĉe la strato Fernando Machado 883.

Ekde la unuaj tempoj ĉi tiu Departemento estis sub la kompetenta gvido de S-ino Lucila D. Fernandes, prezidantino de GEA, kiu pri orientiĝo de la bazaj kursoj ĉiam ricevis fortan apogon de sia filino Alcione Fernandes.

Dum administrado de S-ro Dorval oni elstarigas la efektivigon de gravaj laboroj, kiel la taŭga plibonigo de la centra sidejo, la akiron kaj plivastigon de la konstruaĵo ĉe la strato Fernando Machado, kvinetaĝa, la akiron de Komerca Ensemblo ĉe la strato Felipe Neri kaj la konstruon kaj inaŭguron de la moderna "Maljunula Hejmo", ĉe la antaŭurbo Tristeza. Dum 34 jaroj direktoro de la ĵurnalo "Damaska Lumo", S-ro Dorval naskiĝis ĉe la amazona urbo Quani kaj estas edziĝinta al S-ino Alice Carvalho da Silva. Kun granda laborkapablo kaj nobla koro, li estas sendube unu el la plej sindediĉaj kaj fortikaj subteniloj de la gaŭĉa esperanto-movado.